

# 70 jaroj: Vivojubileo de Rudi Graetz

Oni ĉe li ne rimarkas la sep jardekojn. Kelkfoje semajne, se necese ankaŭ ĉiutage, la prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, aperas en la oficejo, kutime kun amaso da farita laboro. Ekde 1965, do 12 jarojn li staras ĉe la pinto de la Esperanta-movado en Germana Demokratia Respubliko. La renaskiĝo kaj la nepretervideblaj sukcesoj de la movado en GDR estas intime ligitaj kun li. La iama laborista esperantisto ricevis la konfidon dum la II-a Centra Konferenco ankaŭ por la nova ofico-periodo.

La 24an de junio 1907 Rudi Graetz naskiĝis kiel filo de laborista familio en Rostock, norda Germanio. Modesta kaj energia, ĉiam trankvile, afabla sed mirinde aktiva kaj decidema, li povas retrorigardi je bonaj sukcesoj en sia profesia vivo kaj eksterprofesiaj honoroficaj aktivecoj. La komerca oficisto ne havis bonajn evolušancojn antaŭ kaj dum la faŝisma tempo. Li ja estis maldekstra aganto. Aktivinte en la kontraŭfaŝisma movado, tuj post la fino de la dua mondmilito, li dediĉis ĉiujn siajn fortojn al la rekonstruo de nova Germanio, al GDR. En partiaj kaj ŝtataj funkcioj, precipe lige al la rekonstruado de la respublika komerco kaj poste en la eksterlanda komerco Rudi Graetz donis sian neforpenseblan kontribuon. Kia kontrasto: Ĉefo de GDR-reprezentejoj en nordaj ŝtatoj (1957 — 1964) (Islando kaj Danio) kaj foira direktoro en nordafrikaj regionoj (1964 — 1974). Pro liaj kontribuoj al la fortigo de GDR li ricevis altajn ŝtatajn ordenojn. Karakterizaĵo de la jubileulo estas, ke li neniam estis sen politika socia aktiveco. Jam kiel junulo Rudi Graetz agadis en la socialdemokratia junularo, en la laborista sportmovado, ĉe la liberpensuloj, 1924 membro de Socialdemokratia Partio, li forlasis la partion kaj aliĝis jam 1930 al la Komunisma Partio. Tiu paŝo estis forte influita per la esperantlingvaj korespondadoj al sovetuniaj esperantistoj.

Kiel junulo li konstruis la laboristan Esperanto-movadon en Meklenburgo (ĉebaltmara norda regiono de la iama Germanio), kiu komence de la 30-aj jaroj nombris pli ol 30 grupojn.

Ekde 1965 li povis daŭrigi tiun agadon, interrompitan ekde 1933 kaj nur denove eblan pli ol 30 jarojn poste.

Sed kiel iam, Rudi Graetz celkonscie kaj kun granda lerteco ekgvidis la novan movadon. En sennombraj prelegoj dum kunsidoj, konferencoj, seminarioj, per artikoloj en „der esperantist", „Paco" kaj aliloke, li donis gravan kontribuon al la elformado de novenhava Esperanto-movado, movado, kiu respondos al la socialisma germana ŝtato, respektante la historiajn tradiciojn kaj spertojn kun adapto al la nuntempaj kaj estontaj bezonoj.

Junaj esperantistoj lernis de tiu afabla homo, kiu ĉiam havis tempon kaj konsilon por aliaj kaj ĉe kiu la mio rangas lastvice.

En internacia skalo Rudi Graetz precipe aktivadas en Mondpaca Esperantista Movado (MEM). Klare vidante la potencajn eblecojn de pli kaj

pli intime kunlaboranta socialismaŝtatara Esperanto-movado, li sin forte engaĝas por la pliprofundigo de la peresperantaj rilatoj inter la frataj landoj.

Krome, post la aliĝo de CLE al UEA, Rudi Graetz ekfunkciis kiel komitatano de UEA, en la monda organizaĵo, pri kies kreskanta graveco kaj fortigindo li bone konscias.

Sed kiu kredas, ke la prezidanto de CLE nur aktivadas en la sfero de la Esperanto-movado, tiu eraras.

Antaŭ kelkaj jaroj la Centra Gvidantaro de la Rezistado-Batalintoj de GDR petis la iaman diplomaton kaj batalinton kontraŭ la faŝismo pri kunlaboro. Rudi Graetz volonte akceptis. Krome li fariĝis membro de la Packonsilantaro de GDR. Tiu multflanka socia agado lin tenas aktiva, kreiva kaj elasta.

Ke tiel restu ankoraŭ tre longe, esprimante samtempe la plej varmajn kaj sincerajn bondezirojn okaze de la jubileo kun danko pro la multega farita laboro, deziras al vi, kara prezidanto, kamarado kaj amiko,

*la membroj de CLE kaj ĉiuj esperantistoj en KL.*



## 20-jara jubileo de VPEA 1956 – 1976

Niaj vjetnamaj amikoj sendis al ni afablan arte aranĝitan karton kun jena enhavo:

„Dankon al nia tutmonda samideanaro pro ĝia elkora subteno kontribue al la fina venko de nia vjetnama popolo!

Sukcesplenon pro via nobla kaj sindonema laboro por la disvastiĝo de Esperanto serve al la progresema homaro!"



## Intensivkurs

Vom 30. Oktober bis 6. November 1977 findet im Bezirk Suhl ein Inensivkursus für Esperanto statt. Der Kursus wird von einem ausländischen Kursusleiter geleitet. Täglich wird für ca. 6 Stunden Esperanto-Unterricht erteilt. Am Abend werden Lichtbildervorträge geboten, Fachvorträge oder Diskussionsstunden organisiert. Der Kursus ist kostenlos und dient vor allem der sprachlich-methodischen Qualifizierung von zukünftigen Kursusleitern. Man dringt tiefer in das Esperanto ein und lernt im praktischen Unterricht. Voraussetzung zur Teilnahme ist der *Abschluß eines Anfängerzirkels und gute mittlere Sprachkenntnisse*, um dem Unterricht, der völlig in Esperanto geführt wird, folgen zu können. Können diese Voraussetzungen nicht erfüllt werden, ist eine Teilnahme an diesem Spezialkursus nicht möglich. Interessenten melden sich bitte bis zum 15. September beim Zentralen Arbeitskreis Esperanto im Kulturbund der DDR, 108 Berlin, Charlottenstraße 60.

(Alvoko al partopreno de senpaga sestaga intensa kurso)

**Éva kaj Zoltán Váli**

# Raporto pri eksterordinara ekspozicio

La Belarta Asocio de GDR kune kun la Solidareca Komitato malfermis konkurson pri afiŝoj kun la temo: Solidareco — alligiteco. La alvenintajn konkursverkojn oni ekspoziciis nun en la Kulturcentro de GDR en Budapeŝto. Ni intencas raporti pri tio, ĉar ni ambaŭ estas ankaŭ grafikistoj kaj esperantistoj.

Antaŭ ĉio ni estas dankemaj pro la ebleco vidi ĉi tiun materialon. Dankemaj ne nur pro la arta plezuro kiun la ekspozicio alportas al ĉiu vizitanto; ankaŭ ne nur pro la faka kvalito — unueco de la formo kaj de la enhavo — kiu meritas apartan laŭdon de la spertuloj. Temas pri multe pli grava afero, tio estas la homo mem, la sorto de la homaro.

El inter ĉiuj estaĵoj nur la homo konscias pri sia morto antaŭe. Tamen, aŭ eble ĝuste pro tio, li faras ĉion por ke tiu vivo estu inda al la homo. Tiuj normalaj, bonvolaj homoj konsistigas la decidan plimulton. Bedaŭrinde, okazas ankoraŭ ke malhomeco, brutala perforto ekatakas momente malfortajn homojn. En tiuj kazoj estas necesa la helpo, kunlaboro kaj aktiva interveno de la bonvolaj homoj. Tiam, nekontesteble, la humanismo devas venki. Tion la vivo mem pruvas.

Bone servas la aferon ankaŭ la afiŝo, kiu informas kaj mobilizas la amasojn al ago. Ĝuste tion faras ĉiuj pecoj ankaŭ de tiu ekspozicio, kiam ili senmaskigas la kontraŭhomajn atakojn, artifikojn de la imperiismo, montras la vojon-manieron de la batalo kontraŭ ili kaj alvokas je unuiĝo kaj solidareco.

Jen kelke da ekzemploj.

Sur unu el la afiŝoj estas videbla Kissinger fluganta per anĝelaj flugiloj, kiel „Misiisto“. Alia malkaŝas la imperiismon testamentinta 600 milionojn da analfabetoj. Sed ankaŭ „La malsato estas bankrotaktivaĵo de la imperiismo!“ — demonstras la sekvanta.

Konvinkas nin la sprita solvo de la vorto „iMPerialismo!“ — ĉar la literoj M P (Military Police) estas ja sur la kasko de la militisto kiu rajdas la kolon de iu kolorahaŭtulo. Alia faris jam la tombkronon kun du pendantaj rubandoj; sur unu ni povas legi: „Neforgeseble! La estiminda militista registaro — Junta“ (Unvergessen! Die Ehrenhafte Militärische Regierungs-Junta“), — sur la alia: „En profunda funebro! CIA, Internacia Gum-Korporacio, ITT“ (International Rubber-Corp., Internacional Telephone and Telegraph Corp.).

Ankoraŭ pli trafa estas tiu afiŝo sur kiu oni vidas la skeleton de Hitler malantaŭ Pinochet kaj la teksto diras: „Sein Kampf ist Mein Kampf!“ (Ni pensas ke negermanoj ankaŭ komprenas). — Ni legas ĉe alia afiŝo sur telegramrubando: „SOVETO STOP RASISMULOJ MURDAS LERNEJAĜAJN INFANOJN STOP“. Apuda afiŝo postulas liberon por la popoloj de Namibio, Zimbabvo, Sudafrika Respubliko!

Konsterne esprimpotenca estas tiu afiŝo sur kiu ni vidas nur kapon kun dorna krono kiel Kristo, sed la kapo estas negra kaj la krono el pikildrato. La teksto diras nur: Kontraŭ Apartismo!

Pluraj okupiĝas pri la problemoj de Proksima Oriento, senmaskigas la rolon de Izraelio. Unu el la plej esprimplenaj: Sur muro videblas truoj kaŭzitaj de kugloj, la truoj formas vorton — SALOM! — (La vorto signifas Pacon, ĝi estas salutvorto en Izraelio). La teksto orientas ankoraŭ la neinformitajn rigardantojn: „Izraelia politiko per okupado de fremdaj teritorioj". — Kiel eksplodis la bombo? — Ni vidas sur alia afiŝo la eksplodigilon markitan per la izraelia atributo (la sespinta stelo) kies meĉon ekbruligas mano tenanta aŭtomatan fajrilon sur kiu videblas la usona flago; teksto nur la vorto: „Brulmaterialo! (Zündstoff . . .).

Sed „La printempo estas neripetebla" — citas la vortojn de Pablo Neruda unu bildo. Kaj „Por Vjetnamio prospera!" — mobilizas alia.

Pluraj montras la sekvendan vojon: „Vorwärts, und nicht vergessen die SOLIDARITÄT!" (Antaŭen! — sed solidarecon ne forgesu). — Kaj ankaŭ: „La solidareco malfermas la pordojn de la koncentrejoj de Ĉilio". — Jam ni vidas: „Corvalan vivas!"

La sola vorto SOLI-DARI-TÄT en tri linioj plenumas la tutan surfacon de tiu afiŝo kiu genie demonstras per alikolora preso de la lasta silabo TAT (faro) ke necesas aktive interhelpi sin. Kelkaj eĉ publikas la numeron de la poŝtĉeka konto sur kiu oni povas enpagi por helpi la batalon de la subpremitaj popoloj, provizi per nutraĵoj la malsatulojn. Kelkaj montras la neceson de la kunlaboro alimaniere. La plej simpla do la plej ĝenerale komprenebla solvo estas la figuro de du pugnoj — blanka kaj nigra kune, aŭ blanka kaj nigra brako en brako.

Ni vidas ankoraŭ: „Venceremos!" — Jes, la fina triumfo de la homeco estas certa, ankaŭ ni kredas tion. Sed, ke tio realiĝu kiel eble plej baldaŭ kaj sen multe da sufero, ni ĉiuj devas elpreni nian parton de la farendaĵoj.

Ni esperantistoj laboras ankaŭ por la sama celo.

Budapeŝto, februaro 1977



**Paulo Balkányi 1894 — 1977**

La 25an februaro mortis la elstara veterano de la Hungara Esperanto-Movado kaj de MEM, Paulo Balkányi.

Jam lerninte Esperanton komence de la 20a jarzento, li fariĝis elstara batalanto por paco kaj humanismo, per kaj por Esperanto.



**Ni gratulas**

La 20-an de junio 1977 *Robert Alm* el Wismar fariĝis 80-jara. Al la senlace agema samideano, kiu multe agadas en Wismar, CLE tre kore gratulas.

Nia membro de CLE *Otto Bäßler* ricevis la Ordenon pro Meritoj pri la Patrio en Oro. Koran gratulon!

## Aktivitäten der Esperantisten anläßlich des 60. Jahrestages der Oktoberrevolution

*Ein nachahmenswertes Beispiel für andere Gruppen!*

*Im folgenden veröffentlichen wir den Freundschaftsvertrag zwischen der Esperanto-Gruppe des Kulturbundes in Stralsund und dem Esperanto-Klub in Pölva (Estnische SSR):*

### Kontrakto

Tiu ĉi interkonsento estas kontraktita inter E-rondo de Pölva (USSR-Estonio) kaj E-rondo de Stralsund (GDR) pri amikecaj kontaktoj inter niaj E-rondoj.

La kontrakto celas:

1) pliprofundigi la amikecajn interrilatojn inter niaj socialistaj ŝtatoj — USSR kaj GDR.
2) aktivigi laboron de niaj E-rondoj por stimuli la progreson de la internacia lingvo Esperanto.
3) ebligi al niaj geesperantistoj interŝanĝi spertojn pri la E-movado en niaj landoj pere de korespondado.

Por efektigi ĉi tiujn celojn, ni proponas:

a) aranĝi regulan korespondadon (po kvaronjaroj) pri laborplanoj, rondlaboroj k. a. eventoj de niaj E-rondoj.
b) interŝanĝi salut- kaj bondezirkartojn inter niaj E-rondoj okaze de politikaj kaj kulturaj festtagoj (por GDR — 1. I., 1. V., 7. X. kaj 15. XII.) (por USSR — 1. I., 1. V., 7. XI. kaj 15. XII.).
c) interŝanĝi kontinue E-gazetojn kaj E-literaturon, kiuj aperos en niaj landoj.
ĉ) interŝanĝi fotografaĵojn kaj bildkartojn pri aranĝoj kaj eventoj de niaj E-rondoj kaj ankaŭ pri urbaj politikaj kaj kulturaj eventoj.
d) aranĝi dum la jaro unu klubvesperon pri niaj urboj (en Pölva pri Stralsund kaj en Stralsund pri Pölva). Por tiu ĉi evento oni interŝanĝu materialojn por unu numero de murgazeto (priskribaĵoj sur tri manuskriptaj folioj kaj almenaŭ kvin fotografaĵoj).
e) kontinue propagandi E-ideojn inter la homaro kaj varbi novajn membrojn al nia komuna celo — Esperanto.

Tiu ĉi kontrakto estas kontraktita por du jaroj kaj ĝi validiĝos ekde 1-a de marto 1977.

*En la nomo de Pölva E-rondo: rondestro (R. Saag)*
*En la nomo de Stralsunda E-rondo: rondestro (H. J. Borgwardt)*
*En Pölva la 6an de februaro 1977*
*En Stralsund la 28an de februaro 1977*



### Alvoko al GDR-kluboj!

Goje mi informas vin, ke en nia juna Esperantoklubo de Internacia amikeco fruktodone funkcias E-kursoj por komencantoj. Ni petas vin kaj viajn samklubanojn skribi fratajn salutojn al tiuj novaj samideanoj, celante forte impulsigi la entuziasmon de tiuj kiuj nun komencas. Jen la adreso: Ukrainio, SU-814000, Poltava, Gogol-strato 10, Dvorez profsojuzov, E-Klubo, al gvidanto de E-kursoj Vasilij Grigorenko. V. G.

# „Ärztlicher Dolmetscher"
# (Kuracista Interpretisto)

*de d-ro Gert kaj d-rino Uta Hoyer*

*Eldonejo Johann Ambrosius Barth, Leipzig 1977, 262 p., 25 markoj*

Praktikanta kuracisto ofte konfrontiĝas kun malsaniĝintoj, kies lingvon li ne scipovas. La transvojo per interpretistoj, aliaj helppersonoj aŭ eĉ pontaj lingvoj komplikas la situacion, kreas miskomprenojn ktp.

La aŭtoroj de ĉi tiu libro konscias pri la problemo kaj verkis demandaron, kiu ebligu la pridemandadon de la malsanulo per montro de presita demando kaj ties respondo far la paciento laŭ ekskluda metodo (kapjesado resp. kapneado).

Eblas uzi jenajn lingvojn: rusa, angla, franca, bulgara, pola, rumana, ĉeĥa, hungara, araba, Esperanto, itala, sveda, hispana, germana.

La elekto de la lingvoj jam pruvas la principan limigitecon de la projekto. Ĝojiga tamen la fakto, ke Esperanto estas agnoskita grava lingvo por la kuracista praktiko en GDR.

Pri la lingvaĵo de la Esperanto — parto al mi ne decas juĝi — ĉar mi ĝin tradukis. Nur tiom: Mi klopodis eviti fakterminojn por pli klare kompreniĝi. Tio tamen pro nesufiĉa medicina terminaro ne ĉie eblis. Sciante pri la pli malpli ofte — ne sufiĉa vorttrezoro de nia anaro, mi timas, ke la konfronto kun demandoj aŭ postuloj kiel „Vi devas vakciniĝi kontraŭ rabio" aŭ „Temas pri morbiloj" al kelkiuj neniom diras.

En la antaŭparolo la aŭtoroj akcentas, ke la libro servu al eksterlandaj gastoj en GDR kaj al niaj turistoj eksterlande. Mi volonte aldonus, ke laŭeble multaj esperantistoj kaze de malsaniĝo rememoru pri la ebleco. Entute do provo laŭ klasika interpretista sistemo por mildigi lingvajn malfacilojn. Agrable, ke Esperanto estas envicigita.

Ĝenerala solvo de la lingva praktiko tiaj libroj ne povas esti. La libro estas aĉetebla en la librovendejoj.

D-ro Hans Eichhorn



**Ekzemploj el „Kuracista interpretisto"**

Nr. 81: Geht Ihr Puls manchmal
1. zu schnell (mehr als 120 Schläge in der Minute),

2. zu langsam (weniger als 35 Schläge in der Minute)?

Nr. 82: Spüren Sie, daß Ihr Herz manchmal unregelmäßig schlägt?
(p. 13/14)

Nro 81: Ĉu via pulso kelkfoje estas
1. tro rapida (pli ol 120 foje en la minuto),

2. tro malrapida (malpli ol 35 foje en la minuto)?

Nr. 82: Ĉu vi rimarkas, ke via koro kelkfoje neregule batas?
(p. 121)

Antaŭ 40 jaroj

## Salutoj de Ludwig Renn en „Popola Fronto“

La 22-an de aprilo 1888 naskiĝis Ludwig Renn sub la civitana nomo Arnold Vieth von Golßenau. Forlasinte sian klason li aliĝis al la laboristaro kaj fariĝis elstara germana komunisma aganto kaj internaciisto. Ludwig Renn akiris internacian renomenon kiel verkisto. Li krome estis ĉefo de la stabo de la heroa 11-a Internacia Brigado en la hispana civitana milito de 1936/37. Sed, kiel ni amplekse raportis en „de“ 65/66 (3/4 1974), Ludwig Renn ankaŭ estis esperantisto.

S-ro Ulrich Lins, Kolonjo, FRG, konata historiisto de la Esperanto-movado, disponigis al ni reproduktaĵon de salutoj direktitaj de Ludwig Renn en 1937 al la antifaŝistaj esperantistoj. La saluto estas publikigita en „Popola Fronto“, n-ro 18 (15. julio 1937) esperantlingva antifaŝisma ĵurnalo, kiu subtenis la batalon de la hispana popolo kontraŭ generalo Franco dum la tridekaj jaroj.



KULTURA SOLIDARECO

INTELEKTULA RENDEVUO

La II^a Kongreso Internacia de Verkistoj por Defendo de la Kulturo okazis solene ĉi-jare en Hispanio; la Kongreso jus kunvenigis en nia urbo, de la 4. ĝis la 10. de julio, la reprezentantojn de ĉiuj partoprenantaj landoj.

Antifaŝistaj verkistoj el Tutmondo rendevuis en Valencio por studi helpon, kiun ili povas havigi al la hispana popolo. Ili vizitis Madridon, la koro de la hodiaŭa lukto kontraŭ la faŝismo. Ili esprimis, dum la laborkunsidoj, sian fervoran simpation al nia gravega afero.

Elstaraj membroj de la Delegacioj estis, inter aliaj: Heinrich Mann, Ludwig Renn, Erwin Kisch, germanaj; Greda Greene; Else Landbr..., norvegaj; Alexe Andersen, dana; M. Koltzov, Alexej Tolstoj, Ilya Ehrenburg, sovetaj; Malcom Cowley, usona; André Malraux, Julien Benda, francaj; Sylvia Townsend, angla; José Mancisidor, meksikana; Paolo Neruda, ĉila; D-ro Brower, nederlanda; González Tuñón, argentina. El la paroladoj de kelkaj kongresanoj, ni eltiras jenajn frazojn:

TOLSTOJ — «La heroa lukto de la hispana popolo estas por ni ĉiuj, karna el nia karno, sango el nia sango.»

BROWER — «Sian apud hispana popolo estas plej kristana konduto.»

TRISTAN TZARA — «En vi, kaj nur en vi, batalantoj hispanaj, ni agnoskas la verajn defendantojn de la moderna kulturo.»

MALCOM COWLEY — «La mesaĝo, kiun mi portas el Usono estas, ne tiom oferto pri helpo, kiom peto pri helpo.»

ANNA SEGHERS — «En ĉiuj lingvoj oni skribas kaj diras nun, ke en Madrido la lukto estas, ne por la libero de Hispanio, sed por tiu de la tuta mondo.»

Ludwig Renn dediĉis al niaj legantoj la ĉi-sub saluton.

Pere de „Popola Fronto“
mi salutas ĉiujn antifaŝistajn
Esperantistojn en la mondo
Ludwig Renn
Valencia, 4.7.37



### An ehemalige GLEA-Mitglieder!

Abzeichen des Deutschen Arbeiter-Esperanto-Bundes, der IPE und anderer proletarischer Esperanto-Verbände werden für das Armeemuseum der DDR in Dresden gesucht. Zusendungen bitte an den Zentralen Arbeitskreis Esperanto.

## Gravaj artikoloj pri Esperanto en sovetaj ĵurnaloj

En la revuo „Kulturo kaj Vivo", kiu estas eldonata de la Asocio de sovetaj societoj por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando (SSOD) kaj kiu aperas en la rusa, germana, angla, franca kaj hispana lingvoj, en 1975 aperis du ampleksaj kaj gravaj artikoloj pri Esperanto. En n-ro 1/75 (paĝo 44) D. Armand kaj S. Podkaminer sub la titolo „Esperanto" informas pri la praktika internacia apliko de la internacia lingvo. En n-ro 8/75 de la sama revuo la prezidanto de MEM, Nikola Aleksiev, amplekse traktas la agadon de MEM. En n-ro 44/1975 de „Nova Tempo", internacipolitika ĵurnalo de USSR, kiu aperadas en rusa, germana, angla, franca, hispana, pola, ĉeĥa kaj araba lingvoj, sur paĝo 30/31 d-ro M. Isaev, respondante al demando de leganto, amplekse argumentas ĝenerale por internacia planlingvo kaj substrekas la ĝisnunajn atingaĵojn de Esperanto. Li i.a. skribas (paĝo 31) „En USSR same estas entreprenataj esploroj pri la problemo de helplingvo por la internacia komunikado. Je la decido de la prezidio de la Akademio de Sciencoj de USSR tiu-ĉi laboro estis komisiita al la Instituto por Lingvoscienco. Tie estas fondita esplorgrupo pri demandoj de internacia helplingvo, kies gvidanto mi estas."

Jam en 1974 aperis artikoloj en „Teĥnika i nauka" 5/74, pp 18—19 (intervjuo pri Esperanto kun la d-roj Armand kaj Isaev) kaj en „Sovetskij uzbekistan sevodnja " 9/74, p. 12. Laste, kiel ni jam raportis, aperis la granda intervjuo kun d-ro M. I. Isaev en la revuo „Sovetunio 9/76 (en la rusa originalo en 8/76). Tiu-ĉi revuo aperadas en 19 lingvoj!

Oni do facile vidas, ke la ĝederala intereso pri Esperanto en Sovetunio konstante kreskas.



### Pri la IXa Konsultiĝo en „Moscou-News"

La Unio de Amikec-societoj de USSR, en kies kadro ankaŭ laboras la komisiono pri internaciaj ligoj de sovetuniaj esperantistoj eldonas ĉiusemajnan kulturan revuon „Moskvaj Novaĵoj", kiu aperas en la lingvoj angla, franca, hispana kaj araba. En ĉiuj kvar eldonoj de n-ro 52/1976 aperis tre ampleksa artikolo pri Esperanto okaze de la IX-a Konsultiĝo de reprezentantoj de Esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj (komparu "de„ 1/1977).

Oni intervjuis prof. d-ron M. I. Isaev, Nikola Aleksiev kaj d-ron D. Blanke.



### Malforta en geografio?

Ni legas amuze, ke Doneck ekzistas en „Orienta Germanio". Eble oni celis GDR? Tamen, Doneckanoj (USSR) miros pri geografiaj scioj de usonaj instruistoj:

„For the third year a 3-month Esperanto course for beginners is being taught in Doneck, East Germany. Sixty students, including laborers, technicians, officeworkers, and teachers are enrolled."

(AATE-bulteno, USONO, n-ro 51, p. 14.)

## Ernst Schonert — 70 jara

**Ni kore gratulas al la membro de CLE kaj prezidanto de DLE Berlin, s-ano Ernst Schonert, kiu festis la 13an de junio 1977 sian 70an naskiĝtagon. Ernst Schonert apartenas al la plej aktivaj kaj senlace laboremaj esperantistoj de nia lando. Al lia sindediĉo ni dankas multajn gravajn sukcesojn, speciale en la ĉefurbo de GDR, Berlin. Al la jubileulo ni deziras ankoraŭ multajn aktivajn jarojn en saneco kaj bonfarto. CLE**

### Junulara seminario en Altenhof

22 junaj geesperantistoj renkontiĝis de 21a ĝis 25a de marto en Altenhof ĉe Werbellin-Lago. La bela kvieta kaj ekprintempa ĉirkaŭajo de la Werbellin-Lago pozitive stimulis la seminarian atmosferon. Laboris partatempe Esperante parolanta kaj germane parolanta grupoj, kio bone influis la efikecon de la seminario.

En la Esperanta grupo i. a. Rita Krips informis pri TEJO kaj pri diversaj internaciaj Esperanto-aranĝoj.

Ankaŭ vigla interŝanĝo de opinioj pri la junulara laboro en la distriktoj de GDR okazis.

La grupon de komencantoj gvidis d-ro Detlev Blanke, kiu ĉefe klarigis demandojn pri la signifo de la internacia lingvo sub diversaj aspektoj. Preleganto de la Centra Konsilantaro de Libera Germana Junularo, s-ro Waldeyer, prelegis pri problemoj de la internacia junulara mondo.

Tre interesa kaj scio-dona estis la prelego de d-ro D. Blanke „argumentado kaj informado pri Esperanto". La neceso de tiu prelego kun intensa diskuto jam pruviĝis dum vespera parolado kun diversaj sciencistoj, kiuj havis samtempe kun la esperantistoj seminarion en Altenhof.

Fine mi volas uzi tiun ĉi eblecon por danki al la inciatintoj por la sukcesplena Esperanto-seminario. Laŭ Thomas Czygan

### Bildkartoj kun Esperanto-teksto

S-ro Albert Weinhold (7021 Leipzig, Schiebestr. 33a) vendas jenajn bildkartojn kun Esperanto-teksto (peco por 25 pfenigoj):

1. rememora karto pri la II-a Centra Konferenco de la esperantistoj, 5. — 7. 11. 1976 en Leipzig
2. „Salutojn el Leipzig"
3. „Germana Demokratia Respubliko".

Interesuloj sin turnu al s-ano Weinhold.

### Por farmaciistoj

Venis jam tempo, ke farmaciistoj organiziĝu kaj internacie kunlaboru, profitante de internacia lingvo Esperanto. Kiu opinias same, bovolu sendi sian adreson al s-ano Rajmund Zarzycki, mag pri farmacio, str. Bieruta 2. 76-004 Sianów, Pollando.

Pri kio vi estas aŭ deziras esti kompetenta, viaj ĉefaj problemoj kaj interesiĝoj?

Post la necesa tempo, vi ricevos adresliston kaj pluajn proponojn.

# *Eĉ tio okazis*

**La kaŭzo**

Frank Seaman, asekura fakulo el Richmond, Usono, skribe raportis pri la supozebla kaŭzo de la brulado de konstruaĵo: „La brulo de la domo en Mead-strato okazis pro tio, ĉar tiu-ĉi konstruaĵo valoris 42.000 dolarojn sed estis asekurita je 71.000 dolaroj.“

**Verege**

Drogejo en Malmö apud stoko de paperaj naztukoj metis afiŝon: „La plej terura pri nazkataro estas la mil konsiloj kialmaniere sin liberigi de ĝi.“

**Por ĝardenamikoj**

Letero de leganto al la gazeto „Soir“ en Bruselo: „Mia nova ĝardeneto vere plezurigas min. Bedaŭrinde mi ne kapablas distingi inter plantetoj kaj fiherboj. Bonvolu helpi al mi!“ La respondo tekstis: „Ĉion eltiru! Tio, kio reaperas, estas fiherbo.“

**Praaĝaj**

Ŝercemulo en Atlanta (Usono) anoncis: „Unika okazo por kolektantoj! La taglibro de Noa kaj du originalaj leteroj de Abrahamo haveblaj kontraŭ plej alta oferto.“ — Respondis 61 interesuloj!

**Plena sukceso**

La titolo de nove akirita libro de biblioteko en Amsterdam estis: „Pli bonan memorkapablon post tri semajnoj.“ La sukceso estis mirinda. Jam la unua leganto forgesis redoni ĝin.

**Fajro-estingilo kaŭzis brulon**

En pajlejo en Bari (Italio) fajro-estingilo tiel malmole falis de la muro sur la plankon, ke ĝi ekfunkciis. La radio trafis kurentmezurilon kaj kaŭzis rektan konekton. La ardanta drato ekbruligis pajlo-amaseton, kaj pro tio la tuta pajlejo pereis en flamoj.

**Rubaĵo, ĉu artaĵo?**

La plej nova verko de la hispana pentristo Salvador Dali fariĝis viktimo de fatala miskompreno. Transporta entreprenisto, kiu la preskaŭ 2 metrojn altan monstran objekton el drato kaj lado estis transportinta de la loĝloko de Dali (Port Lligat) al la Dali-muzeo en la proksima urbo Figueras starigis la monstron antaŭ la fermita muzea pordo. Post mallonga tempo la komunuma rubaĵforiga servo preterveturis, kunprenis la supozitan spacoraban rubaĵon kaj transportis ĝin al la rubaĵejo. Ekde tiam la „artaĵo“ estas malaperinta.

**Ordono estas ordono**

Kanadaj soldatoj en GFR laŭ ordono dum paradoj ne plu rajtas laŭplaĉe sveni. Kiel legeblas en la publike konatiĝinta ordono ili observu estonte: 1. Ili devas matenmanĝi, por eviti eblan svenon. 2. Se la soldato tamen svenas, li svenu discipline. Kaj tio okazu tiamaniere: La soldato kurbigu sian korpon je proksimume 45°, falu teren, sin ruligu sur la maldekstrn flankon, haltante la pafilon, por ke li ne vuidiĝu kaj por ke la pafilo ne difektiĝu. La ordono kontinuas: La kompaniestro esploru ĉiun kazon de svenado. Li klare esprimu, ke ĉiu soldato, neobeinta la ordonon, enkalkulu la sekvojn.

## EL SOVETUNIO

### La unua en Kazaĥio

En novembro de la 1976 j. iniciatite de esperantistoj de junularaj E-kluboj „Verda Brigantino" kaj „Verda Horizonto" (urboj Talgar kaj Ust-Kamenogorsk en Kazaĥia Respubliko), en konservatorio de kazaĥia ĉefurbo ALMA-ATA estis okazinta unua renkontiĝo de kazaĥia esperantistaro. En la renkontiĝo partoprenis 22 gesamideanoj el urboj Alma-Ata, Talgar, Ust-Kamenogorsk, Barnaul kaj Ĉelabinsk (la lastaj 2 urboj estis reprezentitaj gaste el Rusia Federacio).

En programo de la renkontiĝo estis prelegoj pri nuntempa E-movado kaj ĝiaj organizaĵoj, pri la enlanda stato de E-movado. En paŭzoj oni montris kolorbildojn pri someraj aranĝoj de sovetiaj esperantistoj, sonis E-kantoj, akompanataj de akordionistoj kaj pianistoj el la konservatorio. Interesaj programeroj de la unua KER (Kazaĥia E-Renkontiĝo) estis ekskurso al mondfama glitkurejo — montara stadiono „MEDEO" kaj vizito al koncerta halo, kie okazis koncerto de orgena muziko.

La partoprenintoj de la unua renkantiĝo disiĝis kun decido baldaŭ renkontiĝi en Ust-Kamenogorsk, anoncinta sin organizanto de la 2-a KER.

Boris Anoĥin (Ust-Kamenogorsk)



### 27a Renkontiĝo de sibiriaj geesperantistoj

La soveta Esperanta klubo el Krasnojarsk estas konstanta partoprenanto de diversaj Esperanto-renkontiĝoj. Ĉi-tie novembre 1976 okazis la 27a renkontiĝo de sibiriaj geesperantistoj, dediĉita al la 59a datreveno de Granda Oktobra Socialisma revolucio.

Tiu-ĉi renkontiĝo estis reprezenta: 57 geesperantistoj el 13 urboj kaj loĝlokoj de Sibirio partoprenis ĝin.

Dum la solena malfermo kiu okazis en la Urba Palaco de Kulturo, reprezentanto de Urba Komsomola Komitato deziris al la partoprenintoj sukcesojn en Esperanta agado kaj enmanigis al krasnojarska esperantisto-veterano P. D. Agapov honoran folion pro granda fruktodona agado laŭ internacia edukado de junularo surbaze de Esperanto. P. D. Agapov estas bone konata en la Krasnojarska Universitato. Jam la duan jaron li gvidas fakon de la internacia lingvo en Fakultato de Sociaj Profesioj.

Serioza parolado pri problemoj de internacia edukado, interŝanĝo per sperto, okazis dum la Esperanto-seminario de la junaj geaktivuloj.

La partoprenintoj metis kronon al monumento de la krasnojarskaj pereintaj herooj dum la Revolucio.

Laŭ Irina Stepanova, Krasnojarsk

Pentristino, 50j., dez. kor.: Kostadinka Velikova, str. Gurko 9, **7000 Ruse**
Pentristino, 58j., dez. kor.: Vera Milde, str. Sâborna 5, **7000 Ruse**
Pentristino, 31j., dez. kor.: Aleo „Vâzrajdane“ 128 Bx. V/b, **7000 Ruse**
Sofia Sutrova, str. Makariopolski 8, **7000 Ruse,** dez. kor.
Diversaj geesperantistoj de Esperanto-Societo „Leono“, **4468 Momina Klisura,** distr. Pazarĝik, dez. kor.
Oficistino, 30j., dez. kor., kol. pk, Esp. gazetojn: Maria Siderova, **Loveĉ,** str. „V. Kolarov“ 45
Instruistino, 32j., dez. kor., kol. bk, pm, monerojn: Rosina Ivanova Sârkova, **Kneja,** str. Klokotnica 2
Teknikisto, 35j., dez. kor. p. ĉ. t.: Zivko Todorov Petrov, **Sofio,** gara Vezila dom 71
Aŭtomobila instruistino, 36j., dez. kor. p. ĉ. t.: Stanmira Ŝiŝkova, Pazarĝik, pk. 1
Instruisto-teknikisto, 37j., dez. kor. p. ĉ. t.: Aleksandôr Stefnov Petkov, **Targoviŝte,** ul. Paluzov 28
Komencantino, 18j., dez. kor. p. ĉ. t.: Dimka Zlatanova, **Dimitrovgrad,** str. „Milin kamak“ 29
Lernantino, 17j., dez. kor. p. ĉ. t.: Natala Stefanova Serafimova, **Bjala,** ul. Bojka 26, ap. 4, okr. Rusenski
Agronomino, 31j., dez. kor. p. ĉ. t.: Todorka Dimitrova, **Vidin,** str. P. Lilov 4
Laboristino, 34j., dez. kor p. ĉ. t.: Anna Antonova Zarigzadska, **Plovdiv,** str. Saglasie 6a
Laboristo, 28j., dez. kor. p. ĉ. t.: Elman Ademor, **Silistra,** str. Maliĉka 22
Kuracistino, 30j., dez. kor. p. ĉ. t.: Genoveva Colova, **Loveĉ,** ul. „Sofijska“ 24
Kontistino, 21j., dez. kor. pri filmoj, muziko, junulara vivo: Gjulŝen Nazifova, **7300 Kubrat,** str. Blagoev 7
Elena Kuŝeva, 20j., dez. kor. p. ĉ. t.: **5000 Tarnovo,** P. C. C.
Lernantino, 17j., dez. kor. p. ĉ. t.: J. Marinova, **Bjala/Rusensvo,** str. G. Dimitriv 105
Komencantino, 24j., dez. kor.: Petranka Georgieva Dimitrova, **Aprilovo,** okr. Sofijski
Nedelĉo Iliel, str. Rodina n-ro 6, **Ruse,** dez. kor. p. ĉ. t.:
13 geknaboj (12—14j.) dez. kor. k. geknaboj el GDR p. ĉ. t., bv. skribi al Marica Roza 18, Todorka Debrisinova

Librotenistino, 26j., dez. kor. pri floroj, libroj, muziko, turismo, kol. gramofondiskojn, bk.: Hana Vaŝkova, Blevice 33, **27328 P. Zakolany**
17jara metilernantino de fervojo dez. kor. tutmonde, kol. bk.: Ivana Horáková, E-rondeto „Elua sago“, faklernejo de fervojistoj, **468 49 Kořenov**

5 esperantistinoj, komencantinoj dez. kor., bv. skribi al Karin Vogel, **9209 Mulda,** Hauptstr. 43 B
Dez. kor. k. gesamideanoj (25—35 j.): Bärbel Kulisch, **12 Frankfurt/O.,** Hansastraße 30
Esperanto-grupo de la inĝeniera faklernejo por vitra tekniko serĉas ligon al pola aŭ ĉeĥa Esperanto-kluboj. Skribu al: Ingenieurschule für Glastechnik, Esperanto-Gruppe, **758 Weißwasser,** Postschließfach 20

Gesinjoroj Igar k. Vilija Marinuŝkinaj, **235464 N. Akemenė,** Taryba 5–26, 21 k. 22j., maŝinistoj, dez. kor.
Kun gelernantoj ĝis 18jaraj dez. kor.: Rimgandas Kiliulis, **232043 Vilnius,** Erfurto 46 96 — Poceviĉute Raimonde, **Siauliai,** Sevastopolio 9—28 — Rita Staĉkunaite, **235750 Pasvalys,** Pionieru 7 — Arvydas Kasperlūnas, **203002 Kaunas,** V. Kapsuko 133-1
Junulino, 16j., dez. kor. tutmonde, kol. bk: Laima Bieliauskaite, **234365 Stakliŝkes,** Prieny raj., Litovio

**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).**
**Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91**
**Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.**
**Druck: Druckwerkstätte Glauchau**
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 533